3me Année, No 32. Avril 1905. | 3a Jaro, 32a Numero. Aprilo 1905. | 3e Jaar, Nr 32. April 1905.




**Aliĝinta al la Unuigo de la Perioda Belga Gazetaro**

Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge. | Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL: | KOSTO DE LA JARA ABONO: | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS: |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum): abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ): protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste): inschrijving als beschermer. |
| Un numéro: 0,25 fr. | Unu numero: 0,25 fr. | Het nummer: 0,25 fr. |

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.
Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.
L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*
*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,
IMPRIMEUR-ÉDITEUR — DRUKKER-UITGEVER
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4. — BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## PRINCIPAUX JOURNAUX ESPÉRANTISTES RÉGULIERS.

### Bijzonderste regelmatige esperantische dagbladen.

**Lingvo Internacia**, gazette bi-mensuelle (*tweemaandelijksch blad*), abonnement sans supplément, 5.00 fr. par an (*inschrijving zonder bijvoegsel, 5.00 fr. 's jaars*); abonnement avec supplément littéraire, 7.50 fr. par an (*inschrijving met letterkundig bijvoegsel, 7.50 fr. 's jaars*). Mr Paul Lengyel, *Fresejo Esperantista*, 33, rue Lacépède, Paris Vème.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga n° 106a Lima, Pérou.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, Heule lez Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1905 (*3.00 fr. voor 1905*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**La Suno Hispana** fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). M. Augusto Jimenez Loira, Carniceros, 3 Valencia, Espagne.

**Germana Esperantisto** fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin. Allemagne.

**The British Esperantist**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Clegg, 14, Norfolkstreet, Strand. London.

**La Alĝera Stelo**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Mr Louis Landes, 57, rue d'Isly, Alger.

N. B. — Quelques autres journaux paraissent plus ou moins régulièrement. (*Eenige andere dagbladen verschijnen min of meer regelmatig*).

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo, Esperantista Sekcio**. Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Sekretario Sro L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista. A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : Sro Ray. van Melckebeke; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj ĉiusabate je la 8 ½ horo.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo: Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo**. Sidejo: Taverne St Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto Sro Edm. Vandieren. Sekretario Sro Eŭg. Mathys, filo, Aŭgustanstrato, 5a.
*Virina Sekcio* : Sekretariino, Frino Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo**. Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : Dro M. Seynaeve, sekretario : Sro R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo**. Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : Sro A. J. Witteryck, sekretario : Sro Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo**. Sidejo : Café du Petit Trianon, bd de la Sauvenière. Prezidanto : J. de Hemptinne, Sekretario : G. Sloutzky.

**Esperantista Grupo en Meĥleno**. Prezidanto Sro L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Esperantista grupo en Andenno**. Prezidanto : Doktoro Mélin, Sekretario Sro Rambeaux, Andenne.

3me Année, N° 32.
Avril 1905.

3a Jaro, 32a Numero.
Aprilo 1905.

3e Jaar, Nr 32.
April 1905.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL.

BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| Un numéro : 0.25 fr. | Unu numero : 0.25 fr. | Het nummer : 0.25 fr. |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## Alvoko al la Fremdaj Literaturistoj.

Antaŭ kelkaj monatoj, ni publikigis verkon : « *Paĝoj el la Flandra Literaturo*, » per kiu ni celis diskonigi la plej indajn verkistojn de nia Flandra lando.

La verko ŝajnas tre interesinda, ne sole ĉar ĝi estas la unua tiaspeca en la Esperanta Literaturo kaj ĉar ĝi prezentas plenan vidaĵon de nacia nekonita verkistaro, sed ankoraŭ ĉar ĝi pruvas kiel multe la literaturistoj jam ŝatas nian lingvon : *ĉiuj* aŭtoroj, kies verkojn ni tradukis, plejvolonte permesis tiun tradukon, ofte aldonante amindan opinion pri Esperanto kaj promeson baldaŭ ĝin eklerni.

El multaj flankoj jam alvenis al ni tre laŭdaj leteroj pri nia laboro sed precipe pri la Flandra Literaturo. Tio naskis ĉe ni la ideon kolekti kritikajn opiniojn pri la Flandra Literaturo: tiun aron da kritikoj, senditaj de kompetentaj Esperantistoj el fremdaj nacioj, ni eble publikigos aparte, en Esperanto kaj en iaj naciaj lingvoj, kaj tiu verko estus tre efika, tre lerta propagandilo por alkonduki al Esperanto multe da Belgaj kaj fremdaj literaturistoj kaj ĵurnalistoj.

Tial, ni tre insiste petas la fremdajn Esperantistojn-literaturistojn ke ili volu, leginte nian verkon, sendi al ni detalan kritikon de la Flandra Literaturo kaj de la verkistoj de ni esperantigitaj.

Kiuj konvinkiĝis pri la graveco por Esperanto de l' diskoniĝo, per nia lingvo, de l' naciaj nekonitaj literaturoj, tiuj helpu nin kaj bonvole konigu nian alvokon al Esperantistoj-literaturistoj.

La Belga Sonorilo publikigos la plej interesajn opiniojn. Ĉi sube jam ni presigas unuan tre lertan kritikon.

Dro M. SEYNAEVE.

Dro R. VAN MELCKEBEKE.

## Kritiko de la Flandra Literaturo per Esperanto.

Jen estas eltiraĵo el letero, sendita al unu el la aŭtoroj de l' verko: « *Paĝoj el la Flandra Literaturo*, » de talenta Germana pentristino, Sino M. Pieper el Bergen (Rügen) :

« La impreso kiun faras la « Paĝoj el la Flandra Literaturo » estas profunda kaj daŭra. Ŝajnas al mi ke la ĉefpropreco estas: Pureco kaj varmeco de la sentado, mirinda kolora vortpentrado kaj profunda amo al la naturo, la patrolando, la hejmo. La naiveco (en la plej bona signifo de l' vorto) de kelkaj verkoj estas refreŝiganta.

Se mi diras, kiel Germanino, ke mi metas multon

ĉe la flanko de niaj plej bonaj samspecaj verkoj, vi eble ne ŝatos tion kiel laŭdon! Sed mi! — Tamen, mi trovas krom tio grandan difinitan originalecon en via literaturo..... Ne estas ja okaze ke oni diras en diversaj biografioj: « li (aŭ ŝi) *pentras* la naturon » kaj tio ne nur pri la pentristoj-verkistoj (kiel H. Broeckaert). Oni *vidas* efektive pejzaĝon kaj kolorojn. Tie ĉi remontriĝas eble la granda artista estinteco de la nacio; la lasta devas ja esti edukata por vidi la pentrindon — per la kreaĵoj nekompareblaj de ĝiaj grandaj filoj!

Tamen, kiel fremdulino, mi ne posedas juĝon. Ĉu eble la belegaj majstraĵoj ne estas tamen komunbieno? Kaj eble ĉi tiuj belaj literaturaj verkoj estas nur alia esprimo de la sama sentado, de la puŝo nekontraŭstarebla, kiu devigis la pentristojn donaci siajn majstraĵojn ne nur al sia patrolando, — sed al la mondo!

Kaj nun, kia eblo sin montrus se la lingvo internacia estus parolata vere en la tuta mondo! Tiam povus fariĝi komunbieno multo de tio, kion ni posedas nun en via libro, bedaŭrinde en fragmentoj. Tiu literaturo meritas esti konata kaj ŝatata de ĉiu.

Mi ne volas trograndigi kaj klopodas por resti objektiva. Pri kelkaj verkoj mi eble ne sukcesos ĉar ili ĉarmas kaj enkatenigas tiamaniere ke oni tute forgesas kritiki malvarme..... Mi nomas nur Gezelle! Mi amus legi ĉion kion li skribis. Kaj tiun ĉi poeton oni ne konis!.... Domaĝe ke « *Tombejaj Floroj* » estas nur fragmento. Belege, ekzemple:

« Kiu pereos antaŭ ol reviviĝi,
Kiu revivos kie ĝi mortis iam
Kaj, mortante, vivadas! »

Malofte mi legis tiajn versojn! — Kaj aliaj, ne tiel profundaj sed graciaj kiel « *Vintromuŝetoj.* » Ĉu vi ne trovas ĉarmege, kiel la verso:

« Tie ŝi kuŝas dormante »

revenas? Ĉu oni ne komponiciis ĝin? Tamen estas jam muziko. Mi devus diri la samon pri multaj aliaj poetoj sed mi ne povas citi ĉion detale: Rodenbach, Van Oye, Antheunis, De Clercq.

« *Al Bruĝo* » de Ledeganck estas ekzaltplena kaj granda. Kiel ekzemplo de la vortpentrado, mi devas nomi « *Pluvetado* » de Broeckaert. Ĉu ne estas tute kiel griza kolordesegnaĵo, intima kaj altira?

El la prozaj verkistoj mi legis unue Conscience. Li estas la sola kiun mi konis (nekredeble!) je l' nomo. Oni legas de liaj verkoj tradukojn ekz. « *La leono de Flandro* ». Lia nomo estas fama en la tuta mondo, mi kredas. Mi amus multe legi « *La Rekruto* », « *La Fera Tombo* », « *Van Artevelde* » kaj aliajn verkojn *tute* en Esperanto. Modesta deziro, ĉu ne vere? Mi admiras kaj amas ĉion.

Kun la plej granda intereso ankaŭ mi legis « *La Rikolto* » de Stijn Streuvels, kaj bedaŭras ree ke ĝi estas nur fragmento. Verriest skribas tre originale kaj Snieders plej amuzante. La personoj el la prozaj verkoj estas tiel vivoplenaj ke oni bedaŭras tutkore esti devigata disigi sin tiel baldaŭ kaj tiel subite je ili: la aminda naiva Katarino, la ĉarma infanparo Janko kaj Manjo, Ernest Staas, la grenmakleristo, k. t. p. Pri ĉiuj oni amus aŭdi pli multe!

Se ne malplaĉus al vi ke mi trovas ankaŭ kelkajn verkistojn ne tute simpatiaj, mi nomus la « Loveling'oj ». « *La Donaco* » estas ja ekpremanta, sed mankas io en ĝi. Laŭ mia sentado, la kompatinda maljunulo restas tro senkonsola. « *La Portreto* » estas tre beleta kaj tuta el la vivo, sed ne diras multe.

Fortegan impreson faris « *La Malsana Junulo* ». Ĝi estas mirinde klara, videbla, observata; mi intencas diri: *anschaülich* (Die klarega).

Oni staras kune apud la seĝo de la junulo. Oni vidas kaj aŭdas ekstere la dancantan popolamason. La ripetata versaĵo en la dancritmo estas majstra. Sed, la kontrasto ŝajnas preskaŭ *tro* forta al mi: la mortstertoro de la junulo kaj la dancmuziko! Estas ja maldolĉa vereco de la vivo. Sed *montri* al la mortanto la malfidelecon de lia amatino — en la lasta momento, tio estas tro grandega krueleco, laŭ mia sentado. Kaj la patrino! kiu restos por ĉiam kun la rememoro — ne, ne, tio estas tro terura. Majstraĵo sendube! Sed, impresas min kiel pentraĵo kie la plej helaj lumoj, la brilolumoj staras tuj apud la plej malhelaj ombroj.

Pripensante ankoraŭ ĉion, mi amus diri al vi: Tutkore mi gratulas vin kaj viajn kunlaborantojn pri via verko. Ĉiu kiu legos la « *Paĝoj* » estas sincere dankema; kaj ankaŭ vi efikas grandan servon al via patrolando, diskonigante ĝian belan literaturon.

« *Vivant sequentes!* » (Sekvontoj vivu!)

M. PIEPER.

## Tra la mondo Esperantista.

Nia propagando devas sin turni, precipe kaj prefere, al la infanoj, al la estontaj Esperantistoj, al tiuj, kiuj rikoltos la grenojn hodiaŭ semitajn, al tiu kuraĝa kaj vigla junularo de ĉiuj landoj, kies atenton ni devas veki. En tiu celo, ni povas tutkore gratuli Sinjorinon Sarpy, profesorino ĉe la Liona Grupo, kiu tradukis « Rakontoj pri feinoj » de Charles Perrault, la plej bona rakontanto Franca, kies verko, tiel estos konata de la nefrancaj junuloj. La tradukitaj rakontoj estas: La Blua-Barbo, La Ruĝa-Ĉapeto, la Belulino dormanta en arbaro, la Majstro Kato aŭ la Kato piedvestita per botoj, Cindrulino aŭ la vitra Panto-

### A travers le monde Espérantiste.

Notre propagande doit s'adresser principalement et de préférence aux enfants, aux futurs Espérantistes, à ceux qui récolteront les grains aujourd'hui semés, à cette courageuse et alerte jeunesse de tous les pays, dont nous devons éveiller l'attention. Dans ce but, nous pouvons féliciter de tout cœur Madame Sarpy, professeur au groupe de Lyon, qui a traduit les « Contes de Fées » de Charles Perrault, le meilleur conteur français dont l'œuvre sera ainsi connue des jeunes étrangers. Les contes traduits sont: « Barbe Bleue », le « Petit Chaperon Rouge », « la Belle au Bois dormant », « le Chat botté », « Cen-

### Dwars door de Esperantische wereld.

*Onze propaganda moet vooral en bij voorkeur tot de kinderen gericht worden, aan de toekomende Esperantisten, aan dezen die het graan, dat nu gezaaid wordt, zullen oogsten, aan deze moedige en vlugge jonkheid van alle landen, wiens opmerkzaamheid wij moeten opwekken. In dit doel mogen wij uit ganscher harte Mevrouw Sarpy, leeraar aan de groep van Lyon, bedanken, die de « Tooververtelsels » vertaalde van Charles Perrault, den besten der Fransche vertellers, wiens werk alzoo door de jonge vreemden zal gekend worden. De vertaalde sprookjes zijn: « Blauwbaard, Roodkapje, De schoone slaapster in het bosch, De geleersde kat,*

fleto, Riketo kun la Tufo, la Malgranda Fingreto kaj Felo de Azeno. Nur la titoloj de tiuj rakontoj memoros al niaj Francparolantaj legantoj, la dolĉajn horojn dum kiuj la aventuroj de la herooj de Perrault plenigis niajn revojn kaj transportis nin en ensorĉan mondon.

Doktoro Zamenhof jam tradukis alian rakonton de Perrault: « La Feino »; li korektis tiujn ĉi rakontojn kaj la libro estas eldonita en la kolekto aprobita de Doktoro Zamenhof. La Franca Turing-Klubo ankoraŭ distingis la verkon kaj al ĝi dediĉis Honoran medalon.

***

Alia rakontanto, kiu interesigis ofte nin dum niaj junaj jaroj, Jules Verne, la scienca verkisto Franca ĵus mortis. La multaj libroj kiujn verkis Jules Verne estas ŝatitaj en ĉiuj landoj kaj tiu aŭtoro estas tro bone konata por ke ni detalu nek lian vivon nek lian verkaron.

Jules Verne, kiu sin interesis multe al ĉiuj progresoj kaj kiu antaŭdiris la ĉefajn modernajn elpensaĵojn estis aprobinta Esperanton kaj akceptis la funkcion de Honora Prezidanto ĉe la Esperantista grupo de Amiens, kie li loĝadis.

Al lia familio kiu perdas amatan ĉefon, al niaj samideanoj de Amiens kiuj perdas anon el la plej indaj kaj Prezidanton tiel gloran, ni prezentas nian sinceran kondolencon.

Eble, se la nobla Franca verkisto estus vivanta ankoraŭ dum kelkaj jaroj, Esperanto estus enkondukita en rakonto de tiu eksterordinara delogisto; lia malapero estas certe granda perdo por nia propagando.

***

La Esperantista mondo sin preparadas por la proksima Kongreso en Boulogne s/Mer; tial ni ne havas multajn novajn sciigojn por anonci. Siavice la grupo en Boulogne entreprenis fervoran agadon en la urbo kaj organizis multajn kursojn. Tio permesos al la urbanoj tre bone akcepti la multnombrajn fremdulojn kiuj vizitos baldaŭ la regionon. La ĵurnalo « La France du Nord » alportis al ni longan raporton pri parolado de la estimata prezidanto de la tiea grupo, advokato Michaux kiu prezentis: Zamenhof kaj lian verkaron. Grandan sukceson nia amiko rikoltis, tio estas feliĉa signo por la rezultato de la baldaŭa internacia kunveno.

Jos. JAMIN.

---

drillon ou la Pantoufle de verre », « Riquet à la houpe », « le Petit Poucet » et « Peau d'Ane ». Rien que les titres de ces contes rappelleront à ceux de nos lecteurs connaissant le français, les douces heures pendant lesquelles les aventures des héros de Perrault hantaient nos rêves et nous transportaient dans un monde enchanteur.

Le docteur Zamenhof avait déjà traduit un autre conte de Perrault: « La Fée »; il a revu ces contes-ci et le volume fait partie de la collection approuvée du docteur Zamenhof. Le Touring Club de France a aussi apprécié l'œuvre et lui a décerné une médaille d'honneur.

***

Un autre conteur, qui nous a souvent intéressés pendant nos jeunes années, Jules Verne, le savant écrivain français, vient de mourir. Les nombreux livres qu'écrivit Jules Verne sont goûtés dans tous les pays et cet auteur est l'un des mieux connus; c'est pourquoi nous ne parlerons en détail ni de sa vie ni de son œuvre.

Jules Verne, qui s'intéressait énormément à tous les progrès et qui a prédit les principales inventions modernes, avait approuvé l'Esperanto et avait accepté les fonctions de Président d'honneur du groupe Espérantiste d'Amiens, où il habitait.

A sa famille, qui perd un chef aimé, à nos amis d'Amiens, qui perdent un membre des plus dignes et un Président aussi célèbre, nous présentons nos sincères condoléances.

Peut-être, si le noble écrivain français avait vécu quelques années encore, l'Esperanto aurait été introduit dans un des récits de cet extraordinaire séducteur; sa disparition est certes une grande perte pour notre propagande.

***

Le monde Espérantiste se prépare au prochain Congrès de Boulogne-sur-Mer, c'est pourquoi nous n'avons pas de nombreuses nouvelles à annoncer. De son côté, le groupe de Boulogne a entrepris une action soutenue dans la ville et a organisé plusieurs cours. Cela permettra aux habitants d'accueillir parfaitement les nombreux étrangers qui visiteront bientôt la région. Le journal « La France du Nord » nous a apporté un long compte rendu d'une conférence de l'estimé président du groupe local, M. l'avocat Michaux, qui a présenté Zamenhof et son œuvre. Notre ami a obtenu un grand succès, c'est de bon augure pour le résultat de la prochaine réunion internationale.

Jos. JAMIN.

*Asschepoetster of het Glazen Schoentje, Riquet met de kuif, Duimpje en Ezelsvel.» De titels dezer vertelsels alleen, zullen aan dezen onzer lezers die Fransch kennen, de zoete uren herinneren, binst dewelke de gevaartenissen van Perrault's helden onze droomen bevolkten en ons in eene tooverwereld verplaatsten.*

*Dokter Zamenhof had reeds een ander sprookje van Perrault vertaalt: « De Toovergodin »; hij heeft deze sprookjes hier overzien en het boek maakt deel van de verzameling, goedgekeurd door Dokter Zamenhof. De Touring-Club van Frankrijk heeft ook het werk goedgekeurd en aan hetzelve eene gouden medalie toegekend.*

***

*Een andere verteller, die ons dikwijls in onze jonge jaren geboeid heeft, Jules Verne, de geleerde Fransche schrijver, komt te sterven. De talrijke boeken welke Jules Verne schreef, worden in alle landen gesmaakt en deze schrijver is een der best gekende; daarom is 't dat wij niet in 't lang zullen spreken, noch van zijn leven, noch van zijne werken.*

*Jules Verne, die schromelijk veel belang stelde in allen vooruitgang en die de voornaamste hedendaagsche uitvindingen voorzegd heeft, had het Esperanto goedgekeurd en de bediening van Eerevoorzitter der groep van Amiens, waar hij woonde, aangenomen.*

*Aan zijne familie, die een bemind hoofd verliest, aan onze vrienden van Amiens die eenen der waardigste leden en zoo een roemrijken voorzitter verliezen, bieden wij onze rechtzinnige deelnemingen.*

*Misschien ware het Esperanto, zoo de edele Franssche schrijver nog eenige jaren hadde geleefd, in een der verhalen van dezen buitengewonen verleider gebracht geweest; zijne verdwijning is zekerlijk een groot verlies voor onze propaganda.*

***

*De Esperantische wereld bereidt zich tot het aanstaande Congres van Boulogne aan zee, 't is daarom dat wij geene talrijke nieuwstijdingen mede te deelen hebben. Van haren kant heeft de groep van Boulogne eene krachtdadige werking in de stad ondernomen en verscheidene leergangen ingericht. Dit zal den inwoners toelaten de menigvuldige vreemdelingen die welhaast de streek zullen bezoeken, volmaaktelijk te onthalen. Het blad « La France du Nord » heeft ons een lang verslag gegeven over eene voordracht van den geachten voorzitter van de plaatselijke groep, M. den advokaat Michaux, die Zamenhof en zijn werk voorstelde. Onze vriend bekwam grooten bijval, 't is een goed voorteeken, voor den uitslag van de aanstaande wereldlandsche bijeenkomst.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## Bruĝo. La urbaturo.

Fortajn impresojn ofte oni ŝuldas al iaj kaŭzoj la plej okazaj.

Mi estas nek artamanto, nek arĥeologiisto, nek poeto. Mi multe pli ŝatas Bruselon, kun ĝia superforta vivmaniero, ĝiaj bruantaj homamasoj, ĝiaj larĝaj bulvardoj kaj ĝiaj « ketjes (1), » ol nia antikva « Norda Venizo » (ĉar oni volas, super ĉio, ĝin tiel nomi), kun ĝia monaĥa vivmaniero, ĝiaj forestantaj homamasoj, ĝiaj mallarĝaj kaj tordaj stratoj, ĝiaj monaĥinoj kaj ĝiaj malkovritaj defluilegoj.

Nu! la unuan fojon kiam mi staris meze de ĝia Granda Placo, mi sentis, antaŭ la neforgesebla vidaĵo kiun mi ĝuis, impreson tiel korpremantan, ke mi restis dum preskaŭ tuta horo, sidanta ĉe la piedoj de « Breydel kaj de Coninc (2). »

Breydel kaj de Coninc.

Tamen, tiun tagon, la vetero ne precize estis varma. Kvar jaroj estos pasintaj kiam revenos aprilo.

Vespero fariĝis.

Jam de longatempe, la suno estis malaperinta malantaŭ la kvadrata, truita kaj dentigita maso de l' antikva domo « Bouchoute (3) ».

Iom malgaja, mi ĵus estis elirinta el la staciodomo, kie la Brusela vagonaro min demetis kaj de kvarono da horo, mi vagis malatente, nek pensante, nek vidante.

Subite mi faletas kontraŭ ŝtonŝtupo kaj sidiĝas perforte sur la pavimon! Maldelikata estis la skuo kaj dum kelkaj momentoj, mi restis kvazaŭ premigita de surprizo....

Starante de nove, mi returniĝis por serĉi mian ĉapelon, kiu vereble estis forrulinta malantaŭen.

Mi returniĝis....

Vere, mi bedaŭras ke mi ne estas poeto!

Mi neniam forgesos tion, kion mi tiam vidis.

Antaŭ mi, grandega spaco, profunda, senlima, kaj nigra, nigra, nigra!....

Korpremita pro teruro, mi reenpaŝis! kaj.... duan fojon mi frapis per piedo tiun baran ŝtupon!

Ĉi tiun fojon, mi vidis kie mi estis.

Malantaŭe, statuo staris, statuo de la « Groningaj (4) » herooj; ilia ĉeesto rekuraĝigis min. Mi ekvidis ilian imponantan kaj grandegan profilon, malprecise lumigitan per tremantaj flametoj kiuj kronigis maldikajn fostojn.

Mi sidiĝis apud iliaj piedoj, montrante senrespekte al ili mian dorson; kaj poste, iom rebonigita de mia korpremo, mi denove rigardis antaŭen....



La Urbaturo.

Super la nigra truego, aperis al mi kvazaŭ grandega fantomo per steloj aŭreoligita, kies kapo estis kronata per vasta plumfasko.

Ĥaosa amaso da helaĵoj kaj ombraĵoj petoladis sur ĝia griza robo, kvazaŭ bando da amemaj diabletoj!

Tiuj helaĵoj kaj ombroj altiĝis, supreniris por momente flirti inter la faldoj de l' plumfasko kaj morti sur ĝia supro!

Supre, la luno ŝajnis ilin atendi; ĝi ridetis kaj feliĉe, ĝi heligis iliajn fantaziajn ludojn....

Bela estis tio!.... mi tion sentis.

Tie mi restis longatempe; nenian brueton mi aŭdis; nenio ekvekis mian ravon!

Subite, el la flankoj de la longa fantomo, kiel rapidaj kaj frenezaj kaskadoj, alfluis bruego de arĝentaj notoj, basaj sonoj kaj tondraj frapoj!

Mi rekonis sonorilaron.

Ĝi ludis « La Carinon ».

Kiam « Granda Katerino » finigis sian mazurkon, pli akrasona sonorileto tintis naŭ fojojn.

Tiam mi leviĝis, elprenis mian poŝhorloĝon kaj rigardis pri la horo sub la tremantaj flametoj: estis la naŭa vespere!

Mi estis staranta sur la Bruĝa Granda Placo, kontraŭ la « Haloj » kronigitaj per ilia alta kvadrata turo kiun la larĝa standardo de la solenaj religiaj festoj supre envolvis.

H. LEKEU.
Bruĝo, Decembro 1904.

(1) Elparolu : « Ketj » en Brusela popollingvo, nomo de la stratamantaj buboj.
(2) Elparolu : « Breidel, de Konink » venkantoj de l' Francoj ĉe la Kortrejka batalado (1302).
(3) Elparolu : « Buĥaŭt », konstruaĵo el la XVa centjaro staranta ĉe la okcidenta parto de la Granda Placo.
(4) « Groeninghe » vilaĝo apud Kortrejko, kie okazis la batalado.

## Bruges. Le beffroi.

Les fortes impressions sont souvent dues aux causes les plus fortuites.

Je ne suis ni artiste, ni archéologue, ni poète. J'aime mille fois mieux Bruxelles, avec sa vie intense, ses foules bruyantes, ses larges boulevards et ses « ketjes », que notre vieille « Venise du Nord », (puisqu'on veut, malgré tout, continuer à l'appeler ainsi), avec sa vie cloîtrée, ses foules absentes, ses rues étroites et tortueuses, ses... béguines et ses... égouts à ciel ouvert.

Eh bien! la première fois que je me suis trouvé au milieu de sa Grand' Place, j'ai ressenti une impression tellement prenante, devant l'inoubliable spectacle qu'il m'était donné de voir, que je suis resté assis, pendant près d'une heure, aux pieds de Breydel et de Coninc!

Or, il ne faisait pas précisément chaud, ce jour-là!.....

Il y aura quatre ans quand Avril reviendra.

C'était le soir.

Le soleil avait depuis longtemps disparu derrière la masse carrée, ajourée et crénelée, de l'antique maison Bouchoute.

Je venais de sortir, assez triste, de la gare, où m'avait déposé le train de Bruxelles, et je déambulais depuis un quart d'heure, distraitement, sans penser ni voir.

Tout-à-coup, je trébuche contre une marche de pierre et.... je m'assieds violemment sur le pavé! La secousse fut rude, et pendant quelques instants, je fus comme frappé de stupeur......

En me relevant, mon premier mouvement fut pour chercher mon chapeau qui avait dû rouler assez loin derrière moi. Je me retournai...

Vraiment, c'est bien dommage que je ne suis pas poète!......

Ce que je vis alors, jamais je ne l'oublierai!

Devant moi, un espace immense, profond, infini! et noir, noir, noir!..

Je reculai, pris d'effroi!... et je vins pour la seconde fois, donner du pied contre cette malencontreuse marche!

Cette fois, je vis où j'étais.

Derrière moi, une statue: c'était celle des héros de Groeninghe. — Leur présence me rassura.

J'entrevoyais, vaguement éclairée par de petites flammes folettes qui couronnaient des poteaux efflanqués, leur imposante et gigantesque silhouette. Je m'assis à leur pied en leur tournant irrévérencieusement le dos et, un peu remis de mon émotion, je regardai à nouveau devant moi....

Au-dessus du gouffre noir, m'apparut comme un immense fantôme auréolé d'étoiles, le chef couronné d'un vaste panache.

Un fouillis de clartés et d'ombres se jouaient sur sa robe grise, comme une bande de petits diablotins énamourés!

Ces clartés et ces ombres montaient, montaient, pour aller flirter un instant dans les plis du panache, et mourir à son sommet!

La lune, au-dessus, paraissait les attendre: elle souriait et semblait bien heureuse d'éclairer leurs ébats!

C'était beau, je le sentais!

Je restai là longtemps; je n'entendis pas un bruit; rien ne vint troubler mon extase.

Soudain, un ouragan de notes argentines, de sons graves et de coups de tonnerre déferla en cascades pressées et échevelées des flancs du long fantôme!

Je reconnus un carillon.

Il jouait « la Czarine ».

Quand la Grande Catherine eut terminé sa mazurka, une cloche, plus aigre, tinta neuf fois.

Je me levai; je pris ma montre et regardai l'heure sous l'une des petites flammes vacillantes: il était neuf heures du soir!

J'étais sur la Grand'Place de Bruges; en face de moi, les Halles, surmontées de leur haute tour carrée que terminait l'énorme drapeau des jours de grandes fêtes religieuses.

H. LEKEU.
Bruges, Décembre 1904

## Brugge. Het Belfort.

*De sterke indrukken zijn dikwijls aan de toevalligste oorzaken te danken.*

*Ik ben noch kunstenaar, noch oudheidskundige, noch dichter. Ik zie duizendmaal liever Brussel, met zijn krioelend leven, zijne woelige menigten, zijne breede lanen en zijne « ketjes » dan ons oud « Venetië van 't Noorden » (vermits men het, ondanks alles, alzoo wil voort heeten) met zijn kloosterleven, zijne afwezige volkshoopen, zijne nauwe en kronkelende straten, zijne... begijnen, en zyne... opene vuilnisgoten.*

*Hewel! de eerste maal dat ik mij te midden zijner Groote Markt bevond, heb ik een zoo roerenden indruk gevoeld, vóór het onvergetelijk schouwspel dat mij gegeven was te zien, dat ik bijna een uur lang ben blijven zitten, aan de voeten van Breydel en de Coninc!*

*Nogtans het was eigentlijk niet warm, dien dag!..*

*Dat zal nu met April vier jaren geleden zijn.*

*Het was 's avonds.*

*De zon was lang verdwenen achter den vierkanten doorluchtigen, gekanteelden blok van het oude huis Bouchoute.*

*Ik kwam pas, mismoedig de spoorhalle uit, waar de trein van Brussel mij gebracht had, en ik doolde sedert een kwart uurs, verstrooid, zonder peizen of zien.*

*Al met eens struikel ik tegen eenen steenen trap en... ik vlieg hard op de steenen! De schok was geweldig, en gedurende eenige oogenblikken, was ik als van schrik geslagen.*

*Mij oprichtende, was mijne eerste beweging, naar mijnen hoed te zoeken, die tamelijk ver achter mij moest gerold zijn. Ik keerde mij om...*

*Waarlijk, 't is spijtig dat ik geen dichter ben!..*

*Hetgeen ik dan zag, zal ik nooit vergeten!*

*Vóór mij, eene overgroote ruimte, diep, oneindig! en zwart, zwart, zwart!...*

*Ik ging achteruit, verschrikt!... en ik stootte voor de tweede maal tegen dezen noodlottigen trap!*

*Dezen keer zag ik waar ik was.*

*Achter mij, een standbeeld: dit van de helden van Groeninghe, — Hunne tegenwoordigheid stelde mij gerust.*

*Ik onderscheidde, weifelend verlicht door kleine, dansende vlammetjes, die magere palen bekroonden, hunne grootsche en reusachtige omlijning. Ik zette mij aan hunnen voet neder, met mijnen rug oneerbiediglijk naar hen gekeerd, en een weinig van mijne ontsteltenis hersteld, zag ik opnieuw vóór mij...*

*Boven den zwarten kolk, verscheen mij iets als een overgroot spook, met sterren begloord, wiens kop met een grooten pluimbos bekroond was.*

*Eene krieuweling van klaarten en schaduwen speelde over zijn grijs kleed, als eene bende verliefde duivelkens!*

*Deze klaarten en schaduwen klommen, klommen om een tijdje te gaan spelen in de plooien van den pluimbos, en op zijnen top weg te sterven!*

*De maan, van boven, scheen hen te wachten: zij glimlachte en scheen gelukkig hun gespeel te verlichten!*

*Het was schoon, ik gevoelde het!*

*Ik bleef daar lang; ik hoorde geen enkel gerucht: niets kwam mijne verrukking storen.*

*Eensklaps, een storm van zilverige klanken, van zware tonen en van donderslagen golfde in rappe en verwarde « kaskaden » uit de zijden van het lang spook!*

*Ik herkende een klokkenspel.*

*Het speelde « de Tzarin ».*

*Als de Groote Katharina gedaan had met hare mazurka, klepte een scherper klokje negen slagen.*

*Ik stond op; ik nam mijn zakuurwerk en bezag het uur onder een van de dansende vlammetjes; het was negen ure des avonds!*

*Ik was op de Groote Markt van Brugge, vóór mij, de halle, bekroond met haren hoogen vierkanten toren, waarboven de groote vlag der groote godsdienstige feestdagen wapperde.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## *Maro bruas...*

Maro bruas...

Ĝia brusto elasta ankoraŭ leviĝas atakeme, ankoraŭ ŝanceliĝas ondiĝanta larĝeco, ankoraŭ blankiĝas altaj suprajoj de l' ondoj ŝaumantaj, — sed tio ĉi estas nur restaĵoj de la antaŭ nelonge ekfrapinta ventego.

La maro jam trankviliĝas.

Forflugis la ventego mallongedaŭra, malaperis subite alkurinta vento, kaj ree ĉio estas silenta, trankvila ...

Nur la maro bruas kaj bruas....

La steloj tiom afable tremetas kaj fajreras en la blua ĉielo, la luno verŝas de la sennuba ĉielo tutajn riverojn da lumo sur malluman bluaĵon de la maro...

Pri la ventego ne estas eĉ rememoro...
Silento, vasto, larĝeco neĉirkaŭprenebla de la maro....
Estas bone, silente, trankvile...
Nur la ondoj bruas kaj bruas...

—

Sur la ŝipo estas bruo, krioj, tumulto...
Estas perdita la lasta espero saviĝi...
La ŝipo malnova ne povas plu sin teni : la ventego forte disbatis ĝin....
Malklare sonegas la fajfilego, malproksimen flugas laŭ la maro, sonoro malgaja de gongo, krioj kaj bruado de la veturantoj.
Lanternoj, alte leviĝante, distranĉas iom post iom la mallumon de la nokto, kaj la maro bruas kaj bruas...
Ĉiam pli ofte la ondo griza enruliĝas sur la ferdekon, ĉiam la ondoj estas pli proksime....
Neniu havas la savon...
Ankoraŭ unu momento, kaj la ŝipo malnova trempiĝos en la ondojn malvarmajn...
La krioj, petegoj....
La furioza ĝemo de patrino, serĉanta sian filon, korŝirantaj kriegoj de virinoj....
Kaj ree ĉio estas silenta....
Kaj ree bruas la maraj ondoj....
Alte, alte brilas la trankvila stela ĉielo, la luno verŝas sian egalan arĝentan lumon....

—

Trankvila, somera nokto. Bordo granita, ĉirkaŭe ŝtonegoj. Dometoj de fiŝkaptistoj staras sur krutaĵoj.
En la malproksimeco estas vidata malklara konturo de urbo. Malproksime ie ekbruliĝis fajretoj.
Tie estas eterna ventaĵo, eterna kurado je akiro, bruo, tondro — sed tie ĉi estas trankvile. Preskaŭ tiel estas trankvile, kiel en dezerto...
Ĉio estas trankvila.
Dormas la tuta naturo. Ankaŭ ekdormis la maro, droniĝinte en brakoj de la malproksima blua ĉielo.
Nur malofte freneza ondo, kun bruo alkurinte al ŝtonegoj, disbatiĝas kaj ĉirkaŭŝutas ilin per pluvo de ŝprucoj diamantaj.
Kaj ree ĉio estas silenta.
Nur la ondoj pli mallaŭte murmuretas sian fabelon sorĉan al la apudbordaj ŝtonegoj.

Kaj kiu povus ekpensi, ke tiu ĉi glataĵo spegula, tiu ĉi mirinda murmureto de la apudborda ondo estas pli malica, pli kruela trompo ?!
Kiu povus kredi, ke tiu ĉi agrabla, afabla, delikata bluaĵa maro nur antaŭ kelkaj horoj furioze sin ĵetadis sur la ŝtonegojn apudbordajn, ĝemis, bruegis, koleris...
Senhelpe metinte la manojn sur la bruston, staras apud la marbordo juna virino. Senespera malespero ĉirkaŭkaptis ŝin.
Ŝi estas preta plori, preĝi, ŝi estas preta sin ĵeti en la maron, tute malaperi el tiu ĉi mondo. Ŝia malĝojo — akra, brula, malsanema.
Ŝi plendas, malbenas. Ŝi tute malamas tiun ĉi bluaĵon de la maro : ĝi senigis ŝin, iam, ankoraŭ dum tagoj de ŝia juneco, la patron ; nun ekfrapis ŝin dua ekbato : nesatigebla monstro forrabis ŝian edzon.
« Por kio li eknaĝis, por kio ? » sensone murmuretas ŝiaj palaj lipoj. Kaj kiom da malespero sentima, kiom da sopiro premanta estas en tiuj ĉi vortoj ?!
Sed, li ja devis vivi, devis batali je sia ekzistado ?
En malnova ŝipeto li fornaĝis en la maron.
Nokte komenciĝis la ventego.
Multajn ŝipetojn matene ne povis trovi maltrankvilaj rigardoj de edzinoj kaj patrinoj, kiam estis revenantaj el la maro la ŝipetaro de la fiŝkaptistoj...
Multe da larmoj estis verŝitaj dum tiu ĉi nokto.
Staras la virino apud la maro....
Baldaŭ ekblovos malvarma nokta vento kaj ŝi malgaje paŝetos hejmen en sian orfiĝitan, detruiĝantan dometon. Nun ĝis la morto ŝi vidos antaŭe tiun ĉi bluaĵan maron, kaj super si tiun ĉi malluman, malluman ĉielon, kiu, simile al funebra mantelo, etendiĝis super tombo de ŝia edzo...
Staras la virino apud la maro.
La luno afable lumas, la steloj fajreras....
Kaj la maro dume estas senmova, ĝi dorlotiĝas, blindigas per sia brilado, blovetas nur je pacaj revoj....
Ĉirkaŭe estas silente....
Nur la ondoj malklare, malklare bruas...

El lingvo rusa tradukis

I. MALFELIĈULO.

## Festo Esperantista en Antverpeno.

La Antverpena Grupo organizis sabaton, 8an de Aprilo, muzikan vesperkunvenon kies granda sukceso tre superis la esperon de la organizintoj. Ni plezure publikigas detalan raporton pri tiu ĉarma festo, kiu ree montras la vivplenecon de l'Antverpena Grupo kaj la fervoron de ĝiaj membroj, precipe de ĝia tiel sindonema kaj tro modesta prezidanto, Dro R. Van Melckebeke. Ni do aŭskultu la raportanton :

### Une Fête Espérantiste à Anvers.

Le Groupe d'Anvers a organisé le samedi, 8 avril, une soirée musicale dont le succès, très vif, a dépassé l'attente des organisateurs. Nous sommes heureux de publier un compte-rendu détaillé de cette charmante fête, qui prouve une fois de plus et la vitalité du Groupe d'Anvers et le zèle de ses membres, notamment de son si dévoué et trop modeste président, M. le Dr Van Melckebeke. Laissons donc la parole à notre correspondant :

### Een Esperantisch Feest te Antwerpen.

*De Antwerpsche groep heeft op Zaterdag 8 April eenen muziekavond ingericht, waarvan de overgroote bijval de verwachting der inrichters overtrof. Wij zijn zeer gelukkig een omstandig verslag te kunnen geven over dit lieve feest, dat eens te meer én het leven van de Antwerpsche groep én den iever zijner leden bewijst, voornamelijk van haren zoo verkleefden en al te nederigen voorzitter, M. den Dr Van Melckebeke. Laten wij dus het woord aan onzen briefwisselaar over.*

« Eleganta kaj tre grandnombra aŭdantaro plenigis la grandan salonon de la « Taverne Royale », kiun taglume tralumigis lustroj kaj brakoj de elektrikaj lampetoj. Multaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj akceptis nian invitkarton : ili cetere tre kunhelpis al la sukceso de l'festo.

Sinjorino L. Jansen, kies talenton ni jam povis admiri en aliaj muzikaj kunvenoj de l'Grupo, per voĉo mirinde klara kaj melodia kantis la beletan romancon de l' flandra majstro Jan Blockx : « *Vespersaluto* » kaj la ĉarman « *Majkanto* » de Huberti : ambaŭ tradukitajn en Esperanto de grupanoj. La aminda artistino, post entuziasma aplaŭdado de l' aŭdantaro, ankoraŭ kantis, ĉiam en Esperanto, la arion de Faust : « *Faites lui mes aveux* », kiu ricevis saman sukceson.

Poste, Fraŭlino L. Van der Biest kun profunda sentemo kaj perfekta elparolado deklamis la dolĉan versaĵon de Jan van Beers : « *La Merlonesto* », kies tradukon ellaboris D^ro^ Van der Biest. Fraŭlino S. Herz ankaŭ tre talente kaj artplene eldiris : « *Sur la Vojo* » laŭ Delvig kaj « *Mia sago kaj mia kanto* » laŭ Longfellow.

La ludantoj de la muzika parto ankaŭ tre artiste plenumis sian taskon. Kvaropo formita de Sinjoroj L. Jansen (fluto), J. de Vos (hobojo). Van de Velde (violono) kaj W. Van der Biest (violonĉelo) aŭdigis multajn muzikajojn, ludatajn en maniero vere rimarkinda.

Fraŭlinoj M. kaj H. Daels per la fortepiano ĉarme kaj tre talente ludis « *La Sireno* » de Thomé kaj « *Fantazio* » de P. Benoit.

Je l' mezo de l' koncerto, la Prezidanto de l' Grupo, S^ro^ R. Van Melckebeke, per tre pruvoplena paroladeto, montris la progresojn faritajn de Esperanto en Belgujo kaj la aliaj landoj, de l' fino de 1902, tio estas de l' tempo kiam fondiĝis unue « *La Belga Sonorilo* » kaj, tuj poste, la Grupo Antverpena. Li incitis la Esperantistojn por ke ili kuraĝe kaj persiste daŭrigu sian pacaman bataladon, ĉie diskonigante la jam trafitajn rezultatojn kaj oftigante la praktikajn spertojn de Esperanto, por akceli la triumfon de la Lingvo Internacia. Tiu paroladeto tre interesis la aŭdantaron kaj naskis tre varman aplaŭdadon.

Tiu Esperantista Festo certe lasos agrablan kaj profundan impreson en la spirito de ĉiuj kiuj povis apudesti al ĝi. »

« Un auditoire élégant et très nombreux remplissait le grand salon de la « Taverne Royale », éclairé a giorno par des lustres et des girandoles de lampes électriques. Les dames et les demoiselles s'étaient rendues très nombreuses à notre invitation : elles ont d'ailleurs largement contribué au succès de la fête.

Madame L. Jansen, dont nous avons déjà pu apprécier le talent dans d'autres réunions musicales du Groupe, a chanté d'une voix admirablement claire et détaillée la jolie romance du maître flamand Jan Blockx : « Vespersaluto » (Avondgroet) et le charmant « Majkanto » (Meilied) de Huberti — tous deux traduits en Esperanto par des membres du Groupe. L'aimable artiste, après avoir recueilli les applaudissements enthousiastes des auditeurs, a chanté encore, toujours en Esperanto, l'air de Faust : « Faites-lui mes aveux », qui n'a pas obtenu moins de succès.

Ensuite, Mademoiselle L. Van der Biest a déclamé avec un sentiment profond et une diction irréprochable la douce poésie de Jan van Beers : « La Merlonesto », dont nous devons la traduction au D^r^ Van der Biest. Mademoiselle S. Herz a récité avec beaucoup de talent et d'expression : « Sur la Vojo » d'après Delvig et « Mia sago kaj mia kanto » d'après Longfellow.

Les exécutants de la partie musicale se sont acquittés de leur tâche en véritables artistes. Un quatuor composé de Messieurs L. Jansen (flûte), J. De Vos (hautbois), Van de Velde (violon) et W. Van der Biest (violoncelle), a régalé l'auditoire de plusieurs morceaux qui ont été interprétés d'une façon absolument remarquable.

Comme pianistes, Mesdemoiselles M. et H. Daels nous ont charmés en jouant avec beaucoup d'art « La Sirène » de Thomé et la « Fantaisie » de P. Benoit.

Vers le milieu du concert, le Président du Groupe M. R. Van Melckebeke a retracé, en une causerie très documentée, les progrès réalisés par l'Esperanto en Belgique et dans les divers pays depuis la fin de 1902, époque à laquelle furent fondés d'abord « *La Belga Sonorilo* » et, peu de temps après, le Groupe d'Anvers. Il a engagé les Espérantistes à continuer avec courage et persévérance leur lutte pacifique, en faisant connaître partout les résultats acquis et en multipliant les applications pratiques de l'Esperanto, afin de hâter le triomphe de la Langue Internationale. Cette causerie a vivement intéressé les auditeurs et provoqué de chaleureux applaudissements.

Cette Fête Espérantiste laissera une agréable et profonde impression à tous ceux qui ont eu le plaisir d'y assister. »

*« Een keurig en zeer talrijk gehoor vervulde de groote zaal van de « Taverne Royale », schitterend verlicht door lichters en armkandelaars met elektrische lampjes. De damen en jufvrouwen waren zeer talrijk op onze uitnoodiging opgekomen : zij hebben ten andere grootelijks tot het wellukken van het feest bijgedragen.*

*Mevrouw L. Jansen, wier talent wij reeds op andere muziekvergaderingen van de groep hebben mogen hoogschatten, heeft met eene wonderklare en ontwikkelde stem de schoone romance gezongen van den Vlaamschen meester Jan Blockx : « Vespersaluto » (Avondgroet) en het lieflijk « Majkanto » (Meilied) van Huberti, alle twee vertaald door de leden van de groep. De beminnelijke kunstenaarster, na de uitbundige toejuichingen der toehoorders ontvangen te hebben, heeft ook nog, altijd in het Esperanto, het lied van Faust : « Faites-lui mes aveux » gezongen, dat niet minder bijval behaalde.*

*Vervolgens deklameerde Jufvrouw L. Van der Biest, met een diep gevoel en eene onberispelijke uitspraak het zoete gedicht van Jan Van Beers : « La Merlonesto » waarvan wij de vertaling aan D^r^ Van der Biest te danken hebben. Jufvrouw S. Herz heeft met veel talent en uitdrukking « Sur la Vojo » en « Mia Sago kaj mia Kanto », naar Longfellow, voorgedragen.*

*De uitvoerders van het muzikaal gedeelte hebben zich als ware kunstenaars van hunne taak gekweten. Een quatuor, samengesteld uit de heeren L. Jansen (fluit), J. De Vos (hobo), Vande Velde (viool) en W. Van der Biest (basviool), vergastte de toehoorders met verscheidene stukken die op eene alleszins bewonderenswaardige manier vertolkt werden.*

*Als pianisten hebben de jufvrouwen M. en H. Daels ons bekoord met de kunstvolle uitvoering van « La Sirène » van Thomé en de « Fantasia » van P. Benoit.*

*Omtrent het midden van het concert, schetste de voorzitter van de groep, M. R. Van Melckebeke, in eene zeer bewijsvoerende voordracht de vorderingen door het Esperanto gemaakt in België en in de verschillende landen. Sedert het einde van 1902, tijdstip op hetwelk eerst « La Belga Sonorilo » en weinigen tijd later de Antwerpsche groep gesticht werden. Hij heeft de Esperantisten aangespoord om met moed en volharding hunnen vreedzamen strijd voort te zetten, met overal de bekomen uitslagen te doen kennen en met de praktische aanwending van het Esperanto te vermenigvuldigen, ten einde de triomf der Wederlandsche Taal te bespoedigen. Deze aanspraak heeft de toehoorders levendig getroffen en warme toejuichingen uitgelokt.*

*Dit Esperantisch feest zal een aangenamen en diepen indruk laten aan allen die het geluk gehad hebben er deel aan te nemen.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

# La Pentristo kaj lia Idealo.

Iafoje, mi legis pri pentristo kiu estis artisto kaj iam vivadis ; lia nomo estis fama pro la belaj verkaĵoj, kiujn li pentris.

Ian tagon, tiu artistanima pentristo estis alvokata por fari, super l'altero de preĝejo, la figuron de la Feliĉega Virgulino Ĉieliranta. Li alvenis, akceptis la taskon kaj de tiam, li iradis tra arbaroj kaj odorplenaj kampoj, revante pri la figuro kiun li estis faronta kaj kiu jam estis vivema en lia imago.

Li rigardis la ĉielon kiu estis pura kaj blua, kies firmamento ŝajnis tremeti pro la suna lumbrilo. « Tia, li pensis, certe estis la firmamento kiam la senmakula Virgulino tien trairis. »

Kaj li daŭrigis sian revadon, erarante tra la odorplena kamparo, ĝis kiam li venis ĉe klara rivereto kiu, kviete murmuranta, elfluadis el ŝtonego kaj antaŭenirante, kombadis je delikataj fluetoj, la verdajn muskojn kaj la herbetojn.

La pentristo sidiĝis sur la ŝtono el kiu elfluadis la rivereto kaj, meditante, rigardadis en akvojn, kiuj estis tiel puraj, ke oni vidis en fondo la sablerojn kiuj briletis kaj kie oni povus nombrigi la herberojn kaj la muskopintetojn.

« Tia estu ŝia okulo.., la okulo de mia figuro,
« tiel pura kaj kvieta kiel akvo de tiu ĉi fonto kaj
« de l'profundeco de tio, estas elprenota ŝia rigardo,
« kiel ankaŭ de l'profundeco de l'ĉiela lazuro....
« Sed, kie mi trovos idealaĵon, kiu havas tiajn oku-
« lojn ? Se la Sinjoro al mi tion alkondukus kaj mian
« manon farus sentrema, mi certigas ke mi pentros
« Lian Patrinon mirege bela en ŝia vualita raveco
« de l' Ĉielo.... »

Jen subite, rido de trankvila plezuro ludetis sur la vizaĝo de l' pentristo, kaj liaj okuloj eljetis radietojn pro lia entuziasma genio. Nun la figuro, kiel per sorĉo, staris antaŭ liaj okuloj...

Lia imago estis kreinta estaĵon senkompareble belan kaj ja ankaŭ li tion pentre vivigos ; ĉar li trovis idealaĵon kun okuloj ĉielbluaj, helbrilaj, kaj tamen tiel dolĉaj kaj kvietaj, kiel li estis revinta.

Tiujn okulojn, li bone konis, kaj senkonscie li ekvidis ilin en la figuro de li kreota. Tio estis la okuloj de lia fianĉino ; Mario ĉi estis nomato kaj ŝi figuros la « Mirjam » de l' Sankta Skribo.

Kiam la freŝa matensuno surverŝis sian unuan helaĵon sur la tegmentoj de l'Urbeto kaj fajrebriligis la kupran kokon de la preĝeja turo, tiam la pentristo Henriko aliris la preĝejon kun Mario vestita kiel la antaŭtempaj Hebreinoj. Neniu el ili diris ian vorton, ĉar tian matenfruon, en la stratoj ankoraŭ ĉio silentis kaj iliaj spiritoj pleniĝis je religiaj penso kiuj estis vivigontaj la entreprenitan verkon.

Kiam la sunradioj fariĝis rozpurpuraj, kaj mistera malhelaĵo ekplenigis la arkaĵon de la preĝejo tiam Henriko ĉesigis sian laboron, kaj promenadis kun Mario laŭlonge la rivereton.

Ili ne estis kvazaŭ du amantuloj kiuj unu la alian diras alogajn paroletojn kaj per la rigardo entuziasmigas la koron ; ne, Henriko nenion diris kaj Mario agis kiel Henriko.

La pentristo ne plu kuraĝis rigardi sian fianĉinon, ĉar li timis perdi la idealon de sia verko, kaj kredeble en ŝiaj trajtoj, io estus, kio ne konvenus por la ideala imago de tiu Mario, kiu vivis en lia animo.

Tiel okazis dum tagoj, dum semajnoj.

Kiam la pentraĵo estis finita, Henriko rigardis entuziasme sian verkon « Jes, li pensis, tia vereble estas Nia Sinjorino » kaj li konvenkiĝis ke li meritis la orajn dukatoj, kiujn la dekano * de l' preĝejestraro al li kalkulis en manojn.

La kredemaj vilaĝanoj opiniis ke tiu mono utilus por solenigi la edziĝan feston de la gefianĉoj. Sed, ian reveman vesperon, Henriko kaj Mario denove estis sidantaj ĉe la trankvila akvobordo. Jam longatempe, ili tien sidis kiel du karaj infanoj kiuj revadas pri la ĉielo.

— « Henriko, ekdiris Mario, mi volonte ion al vi
« dirus, sed ne koleru kontraŭ mi, ĉar se mi ne
« povas forigi tiun ideon..... tio min treege malĝoj-
« igus, kaj certe mi ne estas kulpa.

— « Peko estos en mia koro, Mario, se mi kolerus
« kontraŭ tiu, kiu reprezentis Nian Sinjorinon !

— « Nu, Henriko, mi intencas eniri en monaĥejon.
« Mi ne povas decidi tutdoni mian mondovivon post
« mi figuris la Puregan Diopatrinon. »

Kaj ŝi rigardis la pentriston per tiuj okuloj, kiujn Henriko donis al sia figuro. Li profundigis sian rigardon en tiujn okulojn kaj nenion vidis krom sia figuro.

— « Mi aprobas vian ideon, Mario, ĉar mi ankaŭ
« diros adiaŭ al la mondo ; neniam mi ne plu rigar-
« dos alie ol figurantan la Ĉielan Virgulinon, kaj
« neniam tiel ĉarmoplena vi estis en miaj okuloj,
« kiel nun vi estas en mia spirito. »

Kiam, tiun vesperon, Henriko diris adiaŭ al sia kara Mario, li promesis al ŝi daŭrigi la promenadon en la paradizo de l'Eterna Vivo.

Laŭ WILLEM BOUVIER.
tradukis VAN OEVELEN el Zoerzel.

# Por la blinduloj.

Ni alvokas ankoraŭ atenton de niaj gelegantoj pri la facileco, por la blinduloj, lerni Esperanton dank' al la libroj speciale skribitaj per literoj Braille.

La ĵurnalo « Esperanta Ligilo » daŭrigas regule sian feliĉan propagandon ; flanke ni donas enhavon de la Februara numero.

ESPERANTA LIGILO.

Ĉiudumonata Revuo. — Th. Cart, Ĉefredaktoro. — 12, rue Soufflot, Paris. — Abonkosto : jare 3 fr — Dua jaro (1905) n° 2. — *Enhavo :* 1. Nia situacio (Th. Cart) ; 2. Norda Printempo (H. Karlsten) ; 3. Trioleto (Kofman) ; 4. Lingvo Internacia ; 5. Sveda Kroniko (Thilander) ; 6. Problemoj ; 7. Miksaĵoj. Felietono : Janko Muzikanto (Daŭrigo).

(*) Ĉefo de la dek direktantoj ; france : dizenier.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & Cie *et chez* Spineux & Cie *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot. Prix 2.50 (port en plus.)
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront. — Prix 2.00 (port en plus),

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces qui devront satisfaire aux conditions suivantes :
1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;
2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,
3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

1/16 de page annuellement fr. 8.00
1/8 » » » » 15.00

*De* «BELGA SONORILO» *aanveerdt aankondigingen die aan de volgende voorwaarden moeten voldoen :*
*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*
*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*
*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

*1/16 bladz. jaarlijks fr. 8.00*
*1/8 » » » 15.00*

# The Cosmopolitan Correspondence Club

*— INTERNACIA ORGANISMO —*

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

# LA REVUE POLYGLOTTE

**REVUO POLIGLOTA POR LERNO KAJ PROPAGANDO DE LA FREMDAJ LINGVOJ**

Eliras en la lingvoj franca, angla kaj germana la 5an kaj la 20an de ĉiu monato. — Kosto : jare 5 frankoj.

*Sin turni al la Direktoro S° F. HERMANN*

**25, rue des Charbonniers, BRUXELLES (Nord).**

# Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, Sro J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando). Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

# L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE

MONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**da poŝtsignoj, jurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendita deve.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** por 12 enlokigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro, **Sro ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

# Luebla Loko.